Jaro IV * N.° 45ª Septembro * 1907

# LA SUNO HISPANA *



## La Tria Kongreso

Aŭ la tria sukcesego de Esperanto, jam okazis en Kembriĝo.

«La Trio por la Tria», salutis de la Kembriĝa gazetaro la alvenon de la kongresanoj kaj la Kembriĝa gazetaro, ne malpli ĝentila, same faris.

Per sukcesplena koncerto komenciĝis la festoj. En la granda halsalono de la urbdomo estis plenumita la tutan programon de la anoj de la Esperantista Vagabonda Klubo, inter ili fraŭlinoj Burleigh, Padwick, Egerton, Schafer, kaj la Bostonaj blinduloj S.roj Deming kaj Gibson. La aŭdantaro multe ŝatis kaj aplaŭdis la gekantintojn kaj gedeklamintojn.

La sekvanta tago estas dimanĉo kaj oni faris Diservojn.

En la Roma katolika Preĝejo, dum Meso, pastro S.ro Richardson, el Bruselo, sciigis, ke li anstataŭis S.ron Giambene arĥivisto ĉe la Vatikano, ĉar tieaj gravaj aferoj ne permesis al li alveni la kongreson kaj legis la jenan telegramon sendintan el Romo.

«Sankta Patro permesas Richardson doni sianome Papan Benon post prediko

## El Tercer Congreso

O el tercer exitazo del Esperanto, ya ha tenido lugar en Cambridge.

«El Terceto para el Tercero» saludó desde la prensa de Cambridge la llegada de los congresistas, y la prensa de Cambridge, no menos atenta, hizo lo mismo.

Por un concierto, que resultó del todo, comenzaron las fiestas. En el gran salón mercado de la casa de la ciudad se llevó á cabo el programa de los socios del Club Vagabundo Esperantista, entre ellos las Srtas. Burleigh, Padwick, Egerton, Schafer y los ciegos de Boston señores Deming y Gibson. Al auditorio agradaron mucho los cantantes y declamadores de ambos sexos, y grandemente fueron aplaudidos.

El día siguiente fué domingo y se hicieron Oficios Divinos.

En la iglesia católica romana, durante la Misa, el sacerdote Sr. Richardson, de Bruselas, manifestó que había sustituído al Sr. Giambene, archivero del Vaticano, porque asuntos importantes de allí no le habían permitido venir al Congreso, y leyó el siguiente telegrama enviado de Roma:

«El Santo Padre permite á Richardson dar en su nombre la Bendición Papal

katolika Diservo, nur se episkopo konsentos; reskriptaj leteroj sekvos—Giambene.»

Poste, li esperante predikis pri la Evangelio de Sankta Johanno, ĉap. 10.ª, vers. 16.ª «Unu ŝafaro kaj unu paŝtisto» kaj finis la paroladon per la belaj vortoj:

«Karaj gefratoj: ni estu en ĉio la imituloj de la Kristo, la amiko de la homoj, kaj tiam ni povos esperi helpi la alvenon de tiu tempo feliĉa, tiu tempo glora, kiam la homaro estos vere unu familio de gefratoj havante unu patron kaj la saman religion; unuvorte, kiam la tuta homaro estos nur unu ŝafaro sub unu paŝtisto.»

La muziko kaj ĥoro ĉarmis la ĉeestantojn.

Je la 11.ª horo okazis en Great St. Mary's plena protestanta Diservo en Esperanto. En ĝi la agema pastro J. Cyprian Rust esperante predikis pri la vortoj el letero de Sankta Paŭlo al la Efesanoj, ĉap. I vers. 9.ª kaj finis sian predikadon per la jena bela preĝo, «kaj nun, al Dio Patro, filo kaj Sankta Spirito, estu honoro kaj laŭdo kaj gloro, nun kaj je l'eterneco. Amen.»

La Esperanta ĥoro estis granda sukceso.

Vespere, en la «Emmanuela kongregacia Preĝejo» estis ankaŭ Diservo. S.ro Schneeberger legis la preĝon kaj S.ro Selbin, esperantisto de kvin semajnoj, paroladis bonege sub fundamento de Evangelio de Sankta Johano.»

Dum la diservo oni kantis himnojn esperante tradukitajn de pastro S.ro Rust.

Ankaŭ oni festis la Asumpcion en la katolika preĝejo, la ĵaŭdon, kaj predikis dum la Meso pastro S.ro Frohns, el Wastade'o, Hannover'o.

La katolikoj ĉeestantaj en la kongreso monkolektis por «Kambriĝa Katolika Lernejo», kaj sendis, al Lia Papa Moŝto la jenan telegramon.

«La Esperantistoj katolikaj ĉe la Kem-

después de predicar en el Oficio Católico, sólo si el Obispo lo consiente; las cartas rescriptos seguirán.—Giambene.»

Después predicó en Esperanto sobre el Evangelio de San Juan, cap. 10, versículo 16, «Un rebaño y un pastor», y concluyó el discurso por las bellas palabras:

«Queridos hermanos: Seamos en todo los imitadores de Cristo, el amigo de los hombres, y entonces podremos confiar en ayudar á la llegada de aquel tiempo feliz, aquel tiempo glorioso, cuando la humanidad será verdaderamente una familia de hermanos, teniendo un Padre y la misma Religión; en una palabra: cuando toda la humanidad será solamente un rebaño bajo un pastor.»

La música y coro encantaron á los asistentes.

A las once de la mañana tuvo lugar en Great St. Mary's un completo Oficio protestante, en Esperanto. En él, el activo pastor J. Cipriano Rust predicó en Esperanto sobre las palabras de la carta de San Pablo á los Efesanos, capítulo 1.º, vers. 9.º, y terminó su sermón por la bella oración: «y ahora, á Dios Padre, Hijo y Espíritu Santo, honor y alabanza y gloria, ahora y en la eternidad. Amén».

El coro Esperanto obtuvo un gran éxito.

Por la tarde, en la «iglesia de la Congregación Manuela», también hubo función. El Sr. Schneeberger leyó la oración, y el Sr. Selbin, esperantista de cinco semanas, habló muy bien, fundado en el Evangelio de San Juan.

Durante el Oficio Divino se cantaron himnos en Esperanto, traducidos por el pastor Sr. Rust.

También se festejó la Asunción en la iglesia católica el jueves, y predicó durante la Misa el sacerdote Sr. Frohns, de Warstade (Hannover).

Los católicos presentes en el Congreso hicieron una colecta para «La Escuela Católica de Cambridge», y enviaron á Su Santidad el siguiente telegrama:

«Los Esperantistas Católicos, reunidos

briĝa Kongreso, esprimas al la Sankta Patro sian profundan dankecon pro la sendita Beno. Humile genufleksitaj antaŭ liaj piedoj ili certigas Lian Papan Moŝton pri sia absoluta sindonado al Lia persono kaj pri sia tuta submetiĝo al la doktrino katolika.»

La lundon, en vagonaro kiu alvenas Kembridĝon je la 2.ª horo posttagmeze, oni atendis doktoron Zamenhof. Lia eniro en la urbo vekis tiom da intereso, kvazaŭ li estas membro de la reĝa familio.

Sur la trotuaro de la Norda fervojo estis urbestro S.ro Stace akompanata de urbkonsilantoj, de aliaj urbaj eminentuloj kaj de gravaj kaj ne gravaj esperantistoj: ĉiuj ĉeestantaj en Kambridge'o.

La stacidomo estis ornamita de siaj plej belaj vestoj. Kaj la muzikistaro de la Urba Policanaro gajigis per siaj belaj ludoj.

Alvenas la rapida vagonaro el Londono kaj la kriadoj, ¡Vivu Zamenhof!, bruegas. Li supreniras ridetante antaŭeniras ĝis la konsilantaro, kaj la urbestro premas lian manon.

Post mallonga kaj privata prezentado oni decidis tuj veturi al «Fitzwilliam Museum», kie okazis la oficiala akcepto de la vic-kanceliero Lia Moŝto sinj. E. S. Roberts ĉirkaŭita de la lokaj ĉefpersonoj.

La doktoro estis trairinta la vojiron akompanita de S.roj Urbestro, Rektoro de la Universitato kaj unu ano de la organiza komitato, sur bonega aŭtomobilo kovrita de nia verda standardo kaj sekvita de rajda gvardio. Post iris aliaj veturiloj okupitaj ankaŭ de notindaj personoj, inter kiuj Sinjorino Zamenhof.

Dum la marŝado multenombra publiko aklamis nian karan Majstron.

Post la akcepto oni faris fotografaĵon de la gekongresanoj.

Je la oka horo vespere de la 12.ª tago, okazis la malfermo de la kunsidoj. D.ro Zomenhof havis dekstre la urbestron S.ro Stace, lian edzinon kaj S.ro Mudie, kaj maldekstre S.roj Pollen kaj Kunningham. Malfermis la kunsidon S.ro Schne-

en el Congreso de Cambridge, expresan al Santo Padre su profundo agradecimiento por la Bendición enviada. Humildemente arrodillados á sus pies, aseguran á Su Santidad su absoluta adhesión á su persona y su completa sumisión á la Doctrina Católica.»

El lunes, en el tren que llega á Cambridge á las dos de la tarde, se esperó al Dr. Zamenhof. Su entrada en la ciudad motivó tanto interés, como si se tratara de un miembro de la familia real.

Sobre el andén de la estación del Norte estaba el alcalde, Sr. Stace, acompañado de los concejales, de otras personas eminentes de la ciudad y de importantes y no importantes esperantistas: todos los presentes en la ciudad.

La estación estaba adornada con sus más hermosos atavíos, y la música de la Policía de la Ciudad alegraba con sus bellas tocatas.

Llegó el tren rápido de Londres y los gritos de ¡viva Zamenhof!, atruenan. Baja sonriente, se adelanta hasta el Ayuntamiento y el alcalde le da la mano.

Después de corta y privada presentación, se decidió marchar en seguida al «Museo Fitzwilliam», donde tuvo lugar la recepción oficial por el vicecanciller, el Excmo. Sr. E. S. Roberts, rodeado de las principales personas de la ciudad.

El doctor había recorrido el trayecto acompañado de los señores Alcalde, Rector de la Universidad y un socio de la Comisión organizadora, sobre un magnífico automóvil cubierto con nuestra verde bandera y seguido de una guardia montada. Después seguían otros coches, ocupados también por notables personas, entre ellas la Sra. Zamenhof.

Duránte la marcha un inmenso público aclamó á nuestro querido maestro.

Después del recibimiento se hicieron fotografías de los congresistas de ambos sexos.

A las ocho de la noche del día 12 tuvo lugar la apertura de las sesiones. El Dr. Zamenhof tenía á su derecha al alcalde Sr. Strace, á la señora de éste y al Sr. Mudie, y á la izquierda á los señores Pollen y Cunningham. Abrió la sesión el

eberger kaj estis nomitaj: Prezidanto, S.ro Pollen; vicprezidantoj, Sroj Mudie kaj Kunningham.

Komenciĝis la kunsido per kanto de «La Espero». Poste la urbestro diris esperante «Bonvenu D.ro Zamenhof» kaj tuj lia edzino faris belan paroladeton kaj ŝi estis fervore aklamita.

Kolonelo Pollen prezentis en la nomo de «Brita Esperantista Asocio» blazonflagon por la uzado en venontaj kongresoj, kiu estis akceptata de D.ro Zamenhof en la nomo de la tuta Esperantistaro.—Tiu ĉi sinjoro legis la jenan paroladon:

Karaj samideanoj!

Konforme al la ĝisnuna moro mi komencas mian parolon per tio, ke mi permesas al mi en la nomo de ĉiuj kongresanoj esprimi nian saluton kaj dankon al la lando, kiu gastame nin akceptis, kaj precipe al niaj britaj samideanoj, kiuj per multaj laboroj kaj granda zorgemeco pretigis por ni tiun feston, en kiu ni nun ĉiuj partoprenas. De la momento, kiam niaj britaj amikoj invitis nin al si, ni ĉiuj estis konvinkitaj, ke nia kongreso en ilia lando havos apartan signifon kaj estos epokofaranta. Kaj ne estas malfacile antaŭvidi, ke nia espero nin ne trompos, ĉar tion ĉi garantias al ni, ne sole la konata energio kaj sindoneco de niaj britaj amikoj, sed ankaŭ la karaktero mem de ilia lando.

La fakto, ke ni kongresas nun en glora universitata urbo de Granda Britujo, havas grandan signifon. La kontraŭloj de nia ideo konstante ripetadis al ni, ke la angle parolantaj popoloj neniam al ni aliĝos, ĉar ne sole ili malpli ol ĉiuj aliaj popoloj sentas la bezonon de lingvo internacia, sed por ili la fortikiĝado de lingvo internacia estas rekte malutila, ĉar tia lingvo konkurados en la mondo antaŭ ĉio kun la lingvo angla, kiu celas fariĝi internacia. Kaj tamen rigardu, kiel forte eraris niaj kontraŭuloj! Rigardu, kiel multope jam aliĝis al ni la Britoj, kiuj tiel

Sr. Schneeberger, y fueron nombrados: Presidente, el Sr. Pollen, y Vicepresidentes, los Sres. Mudie y Cunningham.

Comenzó el acto por el canto «La Espero». Después el alcalde dijo en Esperanto: «Bienvenido el Dr. Zamenhof», y seguidamente la señora de aquél hizo un bello discursito y fué aclamada con entusiasmo.

El coronel Pollen presentó, en nombre de «La Asociación Esperantista Inglesa», una bandera-escudo para uso de los Congresos futuros, la cual fué aceptada por el Dr. Zamenhof en el nombre de todos los Esperantistas. Este señor leyó el siguiente discurso:

¡Queridos samideanos!

De acuerdo con lo acostumbrado hasta ahora, comienzo mi discurso, permitiéndome, en nombre de todos los congresistas, expresar nuestro saludo y agradecimiento al país que hospitalariamente nos ha recibido, y principalmente á nuestros colegas ingleses que, mediante muchos trabajos y gran cuidado, prepararon para nosotros esta fiesta en que todos ahora tomamos parte. Desde el momento en que nuestros amigos ingleses nos invitaron, estábamos convencidos todos de que nuestro Congreso en su país tendría especial significado y haría época. Y no es difícil prever que nuestra esperanza no se defraudará, porque ello nos lo garantiza, no sólo la conocida energía y abnegación de nuestros amigos ingleses, sino también el mismo carácter de su país.

El hecho de que nos congregamos ahora en una gloriosa ciudad universitaria de la Gran Bretaña, tiene gran significación. Los contrarios á nuestra idea de continuo nos repetían que los pueblos que hablaban inglés nunca se adherirían á nosotros, porque no solamente sienten menos que otros pueblos la necesidad de la lengua internacional, sino porque para ellos la instalación de una lengua internacional es directamente perjudicial, porque tal lengua concurriría en el mundo ante todo con la lengua inglesa, que se propone hacerse internacional. Y, sin

nevolonte lernas aliajn lingvojn krom sia nacia; rigardu, kun kia amo ili preparis nian kongreson kaj en kia granda nombro ili aperis, por deziri al ni bonvenon! Tio ĉi montras antaŭ ĉio, ke la homoj komencis jam kompreni, ke lingvo internacia estas utila ne sole por popoloj malfortaj, sed ankaŭ por popoloj fortaj; sed tio ĉi montras ankoraŭ alian aferon, multe pli gravan: ke la homoj vidas en la esperantismo ne sole aferon de egoisma oportuneco, sed gravan ideon de intergenta justeco kaj frateco, kaj al tiu ĉi ideo volas servi la noblaj homoj de *ĉiuj* popoloj, tute egale, ĉu iliaj popoloj estas fortaj aŭ malfortaj, kaj ĉu la intergenta justeco estas por ili profita aŭ malprofita. Ni scias, ke la plimulton de niaj britaj samideanoj alkondukis al ni la interna ideo de la esperantismo, kaj tial ni tiom pli ĝoje esprimas al niaj britaj amikoj nian koran dankon. La Kembriĝanoj akceptas nin hodiaŭ ne kiel komercistojn, kiuj alportas al ili profiton, sed kiel apostolojn de ideo homara, kiun ili komprenas kaj ŝatas; koran dankon al la Kembriĝanoj, koran dankon al la glora Kembriĝa universitato, kiu pruntis al ni siajn ĉambrojn, koran dankon al la Kembriĝa urbestraro, kiu gastame zorgis pri nia bono. Ni kore salutas vin, granda brita popolo, ni plej respekte salutas vian altan reprezentanton, Lian Reĝan Moŝton. Vivu la reĝ' al vi, tre longe vivu Li, gardu Lin Di'! (Aplaŭdo.)

embargo, ved cuán grandemente se han equivocado nuestros contrarios. Mirad en qué gran cantidad se han unido ya á nosotros los británicos, que de tan mala gana aprenden otros idiomas, aparte del suyo; notad con qué cariño han preparado nuestro Congreso y en qué gran número aparecen para darnos la bienvenida. Esto demuestra, ante todo, que los hombres han empezado ya á comprender que una lengua internacional es útil, no sólo á los pueblos débiles, sino también á los pueblos fuertes; pero esto demuestra también otro asunto, mucho más importante: que los hombres ven en el esperantismo, no sólo un asunto de egoísta comodidad, *sino una importante* idea de justicia y fraternidad entre las gentes, y á esta idea quieren servir los hombres nobles de *todos* los pueblos por igual, sean sus pueblos fuertes ó débiles, y sea esa justicia para ellos provechosa ó perjudicial. Nosotros sabemos que la idea interna del esperantismo atrajo hacia nosotros la mayor parte de nuestros británicos compañeros, y por eso con tanta mayor satisfacción expresamos á nuestros británicos amigos nuestro cariñoso agradecimiento. Los cambridganos nos reciben hoy, no como comerciantes que les traen provecho, sino como apóstoles de una idea humanitaria que comprenden y les es grata; cariñosas gracias á Cambridganos, cariñosas gracias á la gloriosa Universidad de Cambridge, que nos ha prestado sus salones; cariñosas gracias al Ayuntamiento de Cambridge, que hospitalariamente cuidó de nuestro bien. Cariñosamente os saludamos, gran pueblo británico; con el mayor respeto saludamos á vuestra alta representación, S. M. el Rey. ¡Viva vuestro Rey, Él viva largo tiempo, Dios le guarde! (Aplausos).

Samideanoj!

En la momento de la malfermo de nia tria kongreso ni ne povas silenti pri la tro multaj amikoj, kiujn la Morto kaptis dum la pasinta jaro; vi ĉiuj memoras, ke tuj post la Ĝeneva kongreso, ni sciiĝis pri la malfeliĉa morto de Dro Lloyd, prezidanto de la Liverpoola Grupo, Ni perdis ankaŭ du eminentajn amikojn de nia

¡Samideanos!

En el momento de la apertura de nuestro tercer Congreso, no podemos callar respecto á los demasiado numerosos amigos que la Muerte nos ha arrebatado durante el año pasado; todos recordáis que inmediatamente después del Congreso de Génova supimos la desventurada muerte del Dr. Lloyd, presidente

afero, la gloran scienculon Berthelot kaj profesoron Michael Foster, kiu esperis nin akcepti en Kembridĝo. Fine, mortis nia plej kara samideano kaj amiko, kiu estis la animo de niaj ĝisnunaj kongresoj, la ĉefa motoro de nia lasta kongreso en Ĝenevo, la fondinto, subteninto kaj inspirinto de nia konstanta kongresa komitato. Vi ĉiuj scias, pri kiu mi parolas. Nia neforgesebla amiko Javal plu ne ekzistas. Al vi, amikoj-esperantistoj de ĉiuj landoj, kaj al vi, niaj estimataj gastoj, kiuj simpatias nian aferon, mi proponos, ke ni honoru la memoron de nia multemerita samideano kaj de ĉiuj mortintaj Esperantistoj per leviĝo de niaj seĝoj.

Samideanoj!

Antaŭ tri semajnoj finiĝis ĝuste dudek jaroj de la tago, kiam aperis publike la unua libro pri la lingvo Esperanto. En ĉiuj partoj de la mondo la Esperantistoj festis tiun tagon. Kiel fondinto de Esperanto, mi ricevis en tiu tago multajn gratulajn telegramojn kaj leterojn. Car mi ne havas kancelarion, sed mi devas mem ĉion plenume en miaj liberaj horoj, tiel oni facile komprenos, ke respondi ĉiujn ricevitajn esprimojn de amikeco estis por mi afero absolute ne ebla, kaj oni min facile pardonos. Mi uzas nun la bonan okazon, por esprimi mian plej sinceran dankon al ĉiuj, kiuj sendis al mi amikajn bondezirojn. La gratuloj apartenas kompreneble ne al mi persone, sed al la tuta batalantaro esperantista, kaj mi estas nur la centra punkto, en kiu kolektiĝis ĉiuj gratuloj, por resalti de tie al ĉiuj flankoj de la mondo, al ĉiuj lokoj, kie loĝas kaj laboras niaj senlacaj samideanoj. Kvazaŭ silente komisiita de la tuta esperantistaro, mi vokas al ĉiuj esperantistoj-batalantoj: mi vin gratulas! Mi kore vin gratulas, ke vi pacience eltenis en la daŭro de dudek jaroj, malgraŭ la multaj atakoj kaj malagrablaĵoj, kiuj al neniu el vi mankis. Mi kore vin gratulas pro tiuj rezultatoj kiujn donis via energia kaj sindona dudek-jara laborado. Dudek jaroj da laborado por la esperantismo! kion tio sig-

del Grupo de Liverpool. Hemos perdido además dos amigos eminentes de nuestro asunto: el famoso sabio Berthelot y el profesor Miguel Foster, que esperaba recibirnos en Cambridge. Finalmente, murió nuestro más querido colega y amigo, que fué el alma de nuestros pasados Congresos, el principal motor de nuestro último Congreso en Ginebra, el fundador, sostenedor é inspirador de nuestro Comité permanente del Congreso. Ya sabéis de quién hablo. Nuestro inolvidable amigo Javal ya no existe. A vosotros, amigos esperantistas de todos los países, y á vosotros, nuestros estimados huéspedes, que simpatizáis con nuestro asunto, propongo que honremos la memoria de nuestro benemérito y la de todos los esperantistas fallecidos, levantándonos.

¡Samideanos!

Hace tres semanas, cabalmente, cumplióse el 20.° aniversario del día que apareció públicamente el primer libro relativo á la lengua Esperanto. En todas partes del mundo los esperantistas han hecho fiesta ese día. Como fundador del Esperanto, yo recibí ese día muchos telegramas y cartas de felicitación. Como no tengo cancillería, sino que debo por mí mismo hacerlo todo en mis horas libres, fácilmente se comprenderá que contestar á todas las expresiones de amistad recibidas, ha sido para mí asunto completamente imposible y se me perdonará fácilmente. Utilizo ahora la buena ocasión para expresar mi más sincero agradecimiento á todos los que me enviaron amistosas enhorabuenas. Las felicitaciones pertenecen, naturalmente, no á mi persona, sino á toda la batalladora falange esperantista, y yo soy solamente el punto céntrico en el cual se reunen todas las felicitaciones para volver á saltar de allí á todos los lados del mundo, á todos los sitios donde habitan y trabajan nuestros incansables colegas. Como si yo hubiera sido comisionado en silencio por todos los esperantistas, llamo á todos los esperantistas batalladores; yo os felicito. Yo cariñosamente os felicito de que pacientemente os sostuvisteis durante veinte años, á pesar de los muchos

nifas,—oni komprenos nur iam poste, kiam oni legos la detalan historion de la esperantismo. Kian grandegan gravecon havas niaj ĝisnunaj akiroj, tion oni ankaŭ ĝuste komprenos nur iam poste, kiam oni ekscios detale la historion de niaj unuaj jaroj, kiam ia akiro de ĉiu nova Esperantisto estis ligita kun senfina laborado kaj oferado.

Multaj el vi konas la historion de la *lastaj* dek jaroj de la esperantismo, kiam la longe dormintaj semoj komencis doni la unuajn trunketojn, sed tre malmultaj el vi konas la historion de la *unuaj* dek jaroj, kiuj konsistis el senfina, ŝajne tute sensukcesa semado. La historio de la esperantismo iam rakontos al vi pri ĉiuj tiamaj semantoj.

Nun nia afero staras forte. La glacia tavolo da antaŭjuĝoj de la mondo estas rompita, kaj nia afero kreskas regule kaj senhalte. Ĉiu jaro potence pligrandigas niajn fortojn, kaj ni iras al nia celo jam kun plena trankvileco. Centoj da miloj da radikoj kaj radiketoj subtenas nian arbon, kiu jam ne timas la venton. La naturo, kiu longan tempon batalis *kontraŭ* ni, batalas nun *por* ni, ĉar tiu sama forto de inercio, kiu longan tempon terure malhelpis ĉiun nian paŝon, ĝi mem nun ŝovas nin antaŭen. Eĉ se ni volus nun halti, ni jam ne povus.

Mi transiras al la vera temo de mia hodiaŭa parolado. Mi volas paroli al vi hodiaŭ pri la esenco kaj celo de niaj kongresoj. Sed por eviti ĉian malkomprenigon, mi tuj en la komenco atentigas vin, ke mia parolo ne estas io oficiala, ĝi prezentas simple mian personan opinion,

ataques y sinsabores que á ninguno de vosotros ha faltado. Cariñosamente os felicito por los resultados que dieron vuestro enérgico y abnegado trabajo de veinte años. ¡Veinte años de trabajo para el Esperantismo! Lo que eso significa,—se comprenderá solamente más adelante cuando se haya leído la detallada historia del Esperantismo. La inmensa importancia que tiene lo adquirido hasta ahora, también se comprenderá con exactitud sólo más adelante, cuando se sepa detalladamente la historia de nuestros primeros años, en los que la adquisición de cada nuevo esperantista estaba ligada á trabajos ilimitados y á sacrificios.

Muchos de vosotros conocen la historia de los *últimos* diéz años del Esperantismo, cuando las semillas, desde largo tiempo dormidas, comenzaron á dar los primeros tallos; pero muy pocos de vosotros conocéis la historia de los *primeros* diez años, los cuales constituyeron la interminable siembra, al parecer infructuosa. La historia del Esperantismo alguna vez os contará de todos los que sembraban entonces.

Ahora nuestro asunto está robustamente establecido. La capa glacial de prevenciones se ha roto, y él crece con regularidad y sin detenerse. Cada año poderosamente aumentan nuestras fuerzas, y ya vamos á nuestro propósito con tranquilidad completa. Cientos de miles de raíces y raicitas sostienen nuestro árbol, que ya no teme al viento. La Naturaleza, que por mucho tiempo luchó *contra* nosotros, pelea ahora *para* nosotros, porque esa misma fuerza de inercia que por largo tiempo estorbó terriblemente toda nuestra marcha, ella misma nos desliza ahora hacia adelante. Hasta si quisiéramos ahora detenernos, ya no podríamos.

Me traslado al verdadero tema de mi discurso de hoy. Quiero hoy hablaros de la esencia y objeto de nuestros Congresos. Pero para evitar toda mala inteligencia, desde luego al comenzar llamo vuestra atención respecto á que mi palabra no es oficial: representa simplemente

kiun ĉiu el vi povas aprobi aŭ ne aprobi.

Ĉar ni decidis kunvenadi ĉiujare el ĉiuj landoj de la mondo kaj multaj el ni faras eĉ tre grandajn oferojn, por povi partopreni en niaj kongresoj, tial ni devas klarigi al ni, por *kio* ni kunvenas. Se ni konscios bone la esencon kaj celon de niaj kongresoj, tiam ni venados al ili kun ĉiam freŝa kaj neniam malfortiĝanta entuziasmo, kiel homoj, kiuj klare vidas antaŭ si la belan celon, al kiu ili iras; sed se ni ne konscios la celon de niaj kongresoj, tiam ni baldaŭ tute malvarmiĝos por ili, kiel homoj, kiuj vagas sencele kaj kiujn tiu vagado baldaŭ lacigas kaj enuigas. Por kio do ni kunvenas? ĉu ni kunvenas por paroli pri esperantaj lingvaj demandoj? Ne! tiuj ĉi demandoj apartenas ne al la kongreso, sed ekskluzive al la Lingva Komitato, kaj por ili sufiĉus kongreso de komitatanoj. Ĉu ni kunvenas por ekzerciĝi en esperanta parolado? Por tio sola ni ne bezonas veturi al kongreso, ĉar en niaj hejmaj grupoj ni povas en la daŭro de la tuta jaro multe pli ekzerciĝi, ol en la kelkaj tagoj de la kongreso, kaj por la sola kelktaga ekzerciĝo en parolado neniu entreprenus grandajn vojaĝojn. Ĉu ni kunvenas por fari manifestacion kaj sekve propagandon? Jes, certe! Sed ĉar el cent kongresanoj almenaŭ naŭdek-naŭ havas de Esperanto nur *moralan* profiton, por kio do ni ĝin propagandas? Mi ne dubas, ke la plimulto el vi donos al ni nur unu respondon: ni faras manifestacion kaj propagandon por la esperantismo ne pro ia utilo, kiun ĉiu el ni persone povas havi de ĝi, sed pro tiu gravega signifo, kiun la esperantismo havas por la tuta *homaro*, pro tiu komunehoma celo, kiu nin, aktivajn Esperantistojn, altiris al Esperanto; ni kunvenas ĉiujare el ĉiuj partoj de la mondo, por havi la ĝojon vidi samideanojn, por premi al ili la manon, por varmigi en ni per reciproka renkontiĝo kaj kunvivo la amon kaj entuziasmon por la ideo, kiun la esperantismo en si enhavas. Kiel la antikvaj hebreoj tri fojojn ĉiujare kunvenadis en Jeruzalemo, por vigligadi en si la amon al la ideo monoteisma, tiel ni ĉiu-

mi opinión personal, que cada uno de vosotros puede ó no aprobar.

Puesto que hemos decidido reunirnos cada año de todos los países del mundo, y muchos de nosotros hasta hacen grandes sacrificios para poder tomar parte en nuestros Congresos, debemos explicarnos para *qué* nos reunimos. Si estamos conscientes de la esencia y propósito de nuestros Congresos, entonces vendremos á ellos con siempre fresco y nunca debilitado entusiasmo, como hombres que claramente ven ante sí el bello término adonde van; pero si no tenemos conciencia del propósito de nuestros Congresos, entonces pronto nos enfriaremos por completo para ellos, como hombres que vagan vacilantes y á los que ese vagar pronto cansa y aburre. ¿Para qué, pues, nos reunimos?, ¿nos reunimos para tratar de asuntos lingüísticos? ¡No! Esas cuestiones no pertenecen al Congreso, sino exclusivamente al «Comité de la Lengua», y para ellas bastaría un Congreso de individuos del Comité. ¿Nos reunimos para ejercitarnos en la conversación esperanta? Para eso sólo no necesitamos venir al Congreso, porque en nuestros grupos locales podemos, durante todo el año, ejercitarnos mucho más que en los pocos días del Congreso, y sólo por ejercitarse unos días en hablar, nadie emprendería grandes viajes. ¿Nos reunimos para hacer una manifestación y por consecuencia propaganda? Sí, por cierto. Pero como de cada cien Congresistas noventa y nueve tienen del Esperanto sólo un provecho *moral*, ¿para qué lo propagamos? Yo no dudo que la mayoría de vosotros me daréis sólo una respuesta: hacemos manifestación y propaganda del Esperantismo, no por la utilidad que cualquiera de nosotros pudiera tener de él, sino por la inmensa significación que el Esperantismo tiene para toda la *humanidad*, por ese común fin humano que atrae al Esperanto á nosotros, antiguos esperantistas; nos reunimos todos los años de todas partes del mundo, para tener la satisfacción de ver á los samideanos, por estrecharles las manos, por enardecer en nosotros,

D. Die.—Ĉu vi ne kisas la manon de via onklo?

D. Car.—Mi ne kuraĝis. (*Li kisas la manon de D. Diego kaj ili ĉirkaŭprenas sin.*)

D. Die.—Ĉirkaŭprenu min; eble ni ne revidos nin.

D. Car.—Kion vi diras? Tion ne permesu Dio!

D. Die.—Kiu scias, filo mia? Ĉu vi havas ŝulpojn? Ĉu vi bezonas ion?

D. Car.—Ne, sinjoro. Nuntempe ne.

D. Die.—Strange, ĉar vi estas ĉiam malŝparema. Ĉar vi kalkulas kun la monujo de via onklo... Bone, do, mi skribos al S.^ro Aznar, ke li donu al vi cent doblonojn por mia konto. Kaj atentu pri la maniero elspezi ilin. Ĉu vi kartludas?

D. Car.—Ne, sinjoro, neniam je mia vivo.

D. Die.—Atentu pri tio. Nu, bonan vojaĝon. Kaj ne trovarmigu vin; tagveturoj mezegrandaj kaj ne pli... Ĉu vi foriras kontente?

D. Car.—Ne, sinjoro, ĉar vi amas min multe vi kovras min per bonfaraĵoj kaj mi pagas vin malbone.

D. Die.—Ni ne parolu plu pri la pasinto... Adiaŭ.

D. Car.—Ĉu vi restas kolerigita de mi?

D. Die.—Ne, ne, vere. Mi enuiĝis iom, sed tio ja pasis. (*Metante siajn du manojn sur la ŝultrojn de D. Carlos.*) Kondutu kiel saĝulo.

D. Car.—Ne dubu pri tio.

D. Die.—Kiel honorinda oficiro.

D. Car.—Mi tion promesas.

D. Die.—Adiaŭ, Carlos. (*Ili ĉirkaŭprenas sin.*)

D. Car.—(*Aparte, forirante tra la centra pordo.*) Kaj mi forlasas ŝin! Mi perdas ŝin por ĉiam!

## SCENO XIII

### D. Diego.

Sufiĉe bone tio aranĝiĝis... Poste li ekscios ĝin, feliĉe... Sed tion skribi al li ne estas same kiel... Jam farita, ne estas grave... Li, ĉiam tiel respekta por sia onklo!... Li estas el oro! (*Li forviŝas siajn larmojn, prenas kandelon, kaj eniras sian ĉambron. La teatro restas malluma kaj sola dum mallonga tempo.*

## SCENO XIV

### D.ª Francisca, Rita

(*Ili eliras el la ĉambro de D.ª Irene. Rita portas kandelon kaj metas ĝin sur la tablon.*)

Rita.—Tie ĉi estas granda silento.

D.ª Fran.—Ili devas esti jam kuŝiĝintaj... Kredeble ili estas tre lacaj.

Rita.—Ĝuste.

D.ª Fran.—Veturado tiel longa!

Rita.—Devigita de amo, fraŭlino.

D.ª Fran.—Jes, vi prave parolas: amo... Kaj mi mem, kion mi ne farus por li?

Rita.—Sed tiu ĉi ne estos la lasta mirindaĵo. Kiam ni alvenos Madridon, tiam ni vere vidos. Tiu malfeliĉulo D. Diego, kian ĉagrenegon li ricevos! Kaj aliparte li estas sinjoro tiel bona, ke estas domaĝe...

D.ª Fran.—Nu, ĝuste de tio devenas ĉio. Se li estus homo malestiminda, mia patrino ne estus akceptinta lian peton, nek mi estus devigata kaŝi mian enuon. Sed la afero jam ŝanĝiĝis, Rita. Don Felix venis kaj mi nun timas neniun. Estante mia sorto regata de li, mi konsideras min la plej feliĉa el ĉiuj virinoj.

Rita.—Ha! okaze mi memoras... Kaj ŝi tiel rekomendis al mi... Estas videble ke pro tiu ĉi amindumado mia spirito estas... Mi tuj alportos ĝin... (*Ŝi turnas sin al la ĉambro de D. Irene.*)

D.ª Fran.—Kien vi iras?

Rita.—Serĉi la turdon, ĉar mi preskaŭ forgesis retiri ĝin el tie.

D.ª Fran.—Jes, alportu ĝin; ke ĝi ne komencu preĝadi kiel hieraŭ nokte... Oni lasis ĝin apud la fenestro .. Sed zorgeme, ne veku la patrinon.

Rita.—Jes; aŭskultu la bruon de ĉevaloj kiuj paŝas tie malsupre. Ĝis alveno al nia strato de la Lupo, numero 7, dua, etaĝo estas neutile pensi

pri dormo... Kaj tiu malbenita pordego kiu knaras tiel...

D.ª Fran.—Vi povas preni la kandelon.

Rita.—Ne estas necese; mi scias kie ĝi troviĝas. (*Ŝi foriras en la ĉambron de D.ª Irene.*)

## SCENO XV

**Simono** (*eniras tra la centra pordo*), **D.ª Francisca.**

D.ª Fran.—Mi kredis ke vi estas kuŝiĝintaj.

Sim.—La mastro sendube tion faris, sed mi ankoraŭ ne scias kie mi kuŝiĝos... kaj mi estas tiel dormema.

D.ª Fran.—Kiaj personoj ĵus alvenis?

Sim.—Neniu. Estas iuj, kiuj estis tie ĉi kaj ili ĵus foriris.

D.ª Fran.—La kondukistoj?

Sim.—Ne, fraŭlino. Oficiro kun servisto, kiuj iras Zaragozon, laŭ oni diras.

D.ª Fran.—Kiuj, diras vi, ili estas?

Sim.—Ia subkolonelo kun sia servisto.

D.ª Fran.—Kaj ili estis tie ĉi?

Sim.—Jes, fraŭlino, tie en tiu ĉambro.

D.ª Fran.—Mi ne vidis ilin.

Sim.—Sajnas ke ili alvenis hodiaŭ post-tagmeze... Kredeble ili jam finis sian aferon... Nu, ili foriris... Bonan nokton, fraŭlino. (*Li eniras la ĉambron de D. Diego.*)

## SCENO XVI

### Rita, D.ª Francisca.

D.ª Fran.—Ho, Dio mia de mia spirito! Kio estas tio ĉi? Mi ne povas stari surpiede... Malfeliĉulino! (*Ŝi sidiĝas sur seĝon apud la tablo.*)

Rita.—Fraŭlino, mi alvenas mortante. (*Ŝi kunportas la kaĝon de la turdo, kaj metas ĝin sur la tablon, malfermas la pordon de la ĉambro de don Carlos, kaj revenas.*)

D.ª Fran.—Ho, estas certe! Ĉu vi ankaŭ scias?

Rita.—Lasu min; mi ankoraŭ ne kredas, kion mi vidis... Tie ĉi estas neniu... nek valizoj, nek vestoj, nek... sed kiel li povis trompi min?... Mi mem vidis ilin forirantajn.

D.ª Fran.—Ĉu estis ili?

Rita.—Jes, fraŭlino; ili du.

D.ª Fran.—Sed ĉu ili forlasis la urbon?

Rita.—Mi viglis ilin ĝis kiam ilı trairis la Pordegon de Martiroj. Ĝi estas tre proksima.

D.ª Fran.—Kaj ĉu tiu estas la vojo al Aragono?

Rita.—Tiu estas.

D.ª Fran.—Malinda! Malindulo!

Rita.—Fraŭlino!

D.ª Fran.—Kiel ofendis vin tiu ĉi malfeliĉulino?

Rita.—Mi estas tute tremante... Sed... Tio estas nekomprenebla. Mi ne povas diveni la kaŭzojn de tia ago.

D.ª Fran.—Ĉu mi ne amis lin pli, ol mian vivon? Ĉu li ne vidis min freneza pro amo?

Rita.—Mi ne scias kion diri pripensante agon tiel hontan.

D.ª Fran.—Kion vi povas diri? Ke li neniam amis min, nek estas viro honorinda. Kaj li venis por tio! Min trompi, min forlasi tiamaniere! (*Ŝi leviĝas, kaj Rita subtenas ŝin.*)

Rita.—Pensi ke lia alveno havis alian celon ne ŝajnas al mi nature... Ĵaluzo... Kial povas li esti ĵaluza? Kaj tio mem devis enamigi lin ankoraŭ pli. Li ne estas timemulo kaj estas neutile diri, ke li timis sian konkuranton.

D.ª Fran.—Vi laciĝas vane. Diru ke li estas perfidulo, diru ke li estas monstro de krueleco, kaj vi ĉion diros.

Rita.—Ni foriru el tie ĉi, ĉar iu povas alveni.

D.ª Fran.—Jes, ni foriru... Iru ni ploregi... Kaj en kia situacio li lasas min! Sed ĉu vi vidas kian friponon?

Rita.—Jes, fraŭlino, mi ja konas lin.

D.ª Fran.—Kiel bone li sciis ŝajnigi!... Kaj kun

kiu? Kun mi. Sed ĉu mi meritis, ke oni tiel honte trompu min? Ĉu meritis mia amo tiun rekompencon? Dio de mia vivo! Kia estas mia krimo, kia ĝi estas? (*Rita prenas la kandelon, kaj ili du iras en la ĉambron de D.ª Francisca.*)

# TRIA AKTO

*(Teatro malluma. Sur la tablo estas kandelingo kun kandelo estingita, kaj la kaĝo de l' tordo. Simono dormas etendita sur benko. D. Diego eliras el sia ĉambro finante sin vesti per nokta surtuto.)*

## SCENO I

**D. Diego, Simono.**

D. Die.—Tie ĉi almenaŭ se mi ne dormos mi ne fluidiĝos. Ho, fi! dormoĉambro kiel tiu ne... Kiel ronkas tiu! Ni respektu lian dormadon ĝis tagiĝo, kiu ja baldaŭ aperos... (*Simono vekiĝas, kaj ckvidante D. Diegon, li leviĝas.*) Kio okazas. Atentu, homo, ne falu!

Sim.—Kio? Ĉu vi estis tie, sinjoro?

D. Die.—Jes; mi tien ĉi eliris, ĉar tie estas neeble resti.

Sim.—Nu, mi almenaŭ, kvankam la lito estas malmola, mi dormis kiel imperiestro.

D. Die.—Malbona komparo! Diru ke vi dormis kiel malriĉulo kiu ne havas monon, nek ambiciojn, nek riproĉojn de konscienco.

jare kunvenas en la ĉefurbo de Esperantujo, por vigligi en ni la amon al la ideo esperantisma. *Kaj tio ĉi estas la ĉefa esenco kaj la ĉefa celo de niaj kongresoj.*

Ĉar la mondo ĉiam komprenis, ke la esperantismo estas forte ligita kun certa interna ideo, kaj tre multaj personoj ne volis lerni kaj uzi Esperanton nur tial, ĉar ili ne volis esti rigardataj kiel partianoj de ia ideo, tial,—por ne fortimigi de ni la grandajn amasojn,—ni estis devigitaj klarigi per la Bulonja deklaracio, ke la simpla esperantisteco, t. e. la uzado de la lingvo Esperanto, neniun devigas esti partiano de tiu aŭ alia ideo, ke ĉiu Esperantisto restas homo tute libera kaj unuj Esperantistoj ne respondas por la ideoj de aliaj Esperantistoj. Sed se' la simpla praktika *esperantisteco*, t. e. la simpla lernado kaj uzado de Esperanto, neniun devigas aliĝi al ia ideo, tamen neniu povas dubi, ke ĉiujn, aŭ almenaŭ la grandegan plimulton de la personoj, kiuj *batalas* por Esperanto, ligas unu komuna ideo, kiu estas la tuta stimulo de ilia laborado.

Ciu *privata* Esperantisto povas havi tiajn konvinkojn aŭ fari tiajn agojn, kiajn li volas, kaj ni ne respondas por liaj konvinkoj nek agoj, kiel li ne respondas por niaj. Li povas esti la plej granda egoisto, genta ŝovinisto, malamanto de homoj aŭ eĉ la plej malnobla krimulo, kaj se li nur uzas la lingvon Esperanto, ni ne povas malpermesi al li nomi sin esperantisto. Sed se li volas veni al esperantista *Kongreso*, aŭ se li volas aliĝi al ia alia institucio, kiu portas la verdan standardon, tiam la afero ŝanĝiĝas. Tiam li venas en landon, kiu havas siajn apartajn leĝojn, siajn apartajn morojn kaj principojn.

por recíprocos encuentros y común vida, el amor y entusiasmo por la idea que el Esperantismo en sí contiene. Como los antiguos hebreos se reunían en Jerusalén tres veces cada año para conservar en ellos el amor á la idea monoteísta, así nosotros cada año nos reunimos en la capital de Esperantujo, para hacer estar alerta en nosotros el amor á la idea del Esperantismo. *Y esta es la principal esencia y el principal objeto de nuestros Congresos.*

Como el mundo siempre ha comprendido que el Esperantismo está fuertemente ligado con cierta interna idea, y muchísimas personas no han querido estudiar y usar el Esperanto, sólo porque no han querido ser mirados como partidarios de una idea, por eso—para no apartar por temor de nosotros grandes masas—nos hemos visto obligados á aclarar por la declaración de Boulogne, que el simple Esperantismo, esto es, el uso de la lengua Esperanto, á nadie obliga á ser partidario de esa ú otra idea, que cada esperantista permanece hombre completamente libre, y unos esperantistas no responden de las ideas de otros esperantistas. Pero si la simple práctica del *Esperantismo*, esto es, el simple estudio y uso del Esperanto á nadie obliga á unirse á la idea, sin embargo, nadie puede dudar que á todos, ó al menos la inmensa mayoría de las personas que *luchan* por el Esperanto, liga una común idea que es todo el estímulo de su trabajo.

Cada esperantista particular puede tener tales convicciones ó hacer tales actos, cuales él quiera, y nosotros no respondemos de sus convicciones ni de sus hechos, como él no responde de los nuestros. El puede ser el mayor egoísta, sovinista de raza, enemigo de los hombres y hasta el más innoble criminal, y si usa la lengua Esperanto, nosotros no podemos privarle de que se llame esperantista. Pero si quiere venir al *Congreso* esperantista ó si quiere adherirse á cualquier otra institución que lleve la bandera verde, entonces el asunto varía. Entonces viene á un país que tiene sus

En Esperantujo regas ne sole la *lingvo* Esperanto, sed ankaŭ la interna *ideo* de la esperantismo; en Esperantujo regas ne sole la oficiala ĝenerala esperantismo, —tie regas ankaŭ io alia, io ĝis nun ankoraŭ ne precize formulita, sed tre bone sentata de ĉiuj esperantujanoj—tie regas la *verda standardo!*

Kio estas la verda standardo? Se por iu komercisto, kiu uzas Esperanton nur por vendi siajn komercaĵojn, aŭ por iu sportisto, kiu uzas Esperonton nur por amuziĝi, nia standardo estas simpla signo de nia lingvo, simpla interkonsentita dekoracio por niaj kongresoj kaj institucioj—ni, Esperantistoj-batalantoj, certe vidas en nia standardo ion alian: ĝi estas por ni io sankta, ĝi estas la signo, sub kiu ni marŝas al nia paca batalado, ĝi estas la voĉo, kiu konstante memorigas al ni, ke ni laboras por Esperanto nur tial, ĉar ni esperas, ke pli aŭ malpli frue, eble post multaj jarcentoj.

Sur neŭtrala lingva fundamento,
Komprenante unu la alian,
La popoloj faros en konsento
Unu grandan rondon familian.

Ni konstante ripetadis, ke ni tute ne deziras nin enmiksi en la *internan* vivon de la gentoj, sed ni deziras nur krei ligantan ponton *inter* la gentoj. La devizo de la ideaj Esperantistoj, neniam ĝis nun precize formulita, sed ĉiam klare, sentata, estas: «*Ni deziras krei neŭtralan fundamenton, sur kiu la diversaj homaj gentoj povus pace kaj frate interkomunikiĝadi, ne altrudante al si reciproke siajn gentajn apartaĵojn.*»

Tia, laŭ mia opinio, estas la devizo de la verda standardo, de tiu bela kaj majesta standardo, kiu kunvokas nin ĉiujare el ĉiuj partoj de la mondo en la nomo de la plej bela revo de la homaro.

Por formuli prezice ĉiujn detalojn de

leyes especiales, sus especiales costumbres y principios.

En Esperantujo reina, no sólo la *lengua* Esperanto, sino también la interna *idea* del esperantismo; en Esperantujo reina, no sólo el Esperantismo general oficial—allí reina también otro algo, algo hasta ahora todavía no formulado con precisión, pero muy bien sentido de todos los de Esperantujo—allí reina la *bandera verde.*

¿Qué es la bandera verde? Si para un comerciante que usa el Esperanto sólo para vender sus mercancías ó para un aficionado al sport que usa el Esperanto, sólo para divertirse, nuestro estandarte es simplemente signo de nuestra lengua, simple decoración convenida para nuestros congresos é instituciones; nosotros, esperantistas batalladores, ciertamente vemos en nuestra bandera otro algo: ello es para nosotros algo santo, ello es la voz que constantemente nos recuerda que trabajamos para el Esperanto solamente, porque esperamos, que más ó menos pronto, quizás después de muchos siglos,

Sobre el fundamento de una lengua neutral,
Entendiéndose uno á otro,
Los pueblos formarán de acuerdo
Una gran reunión de familia.

Constantemente hemos repetido que en absoluto no deseamos mezclarnos en la vida *interna* de las gentes, sino que deseamos solamente crear un puente que ligue *entre* las gentes. La divisa de las ideas esperantistas, nunca hasta ahora precisamente formulada, pero siempre claramente sentida, es: *Deseamos crear un fundamento neutral, sobre el cual las diversas razas humanas pudieran pacífica y fraternalmente comunicarse, no imponiéndose recíprocamente sus particularidades de raza.*

Tal es, según mi opinión, el lema de la bandera verde, esa hermosa y majestuosa bandera que nos convoca cada año de todas las partes del mundo en nombre del más bello ensueño de la humanidad.

Para formular con precisión todos los

la dirita devizo, ne venis ankoraŭ la tempo: ili formuliĝos per si mem, iom post iom, per nia ĉiujara kunvenado kaj kunvivado. Mi volis nur atentigi vin, ke niaj kongresoj, farataj sub la signo de la verda standardo, estas ne sole kongresoj de la *lingvo* Esperanto, sed ankaŭ de la interna ideo de la esperantismo, Sekve ĉiu temo, en kiu ni sentas la spiriton de la verda standardo, ĉio, kio kondukas al rompado de la muroj inter la gentoj, apartenas al nia kongreso.

Vi ofte aŭdis pri la *neŭtraleco* de niaj kongresoj. Jes, neŭtraleco estas la ĉefa principo de niaj kongresoj; sed oni devas ĝuste kompreni la sencon de tiu ĉi neŭtraleco. Neŭtraleco ekzistas en *ĉiuj* internaciaj kongresoj; sed dum tie la neŭtraleco estas simple afero de *takto*, ĉe ni ĝi estas la ĉefa principo, ĉe ni la neŭtraleco, aŭ pli ĝuste la neŭtraligo de la intergentaj rilatoj estas la tuta enhavo, la tuta celo de niaj laboroj. Tial ni neniam devas paroli en niaj kongresoj pri aferoj speciale politikaj, kiuj apartenas al la diplomatoj, aŭ pri aferoj speciale religiaj, kiuj apartenas al la ekleziuloj kaj filozofoj,—ĉar la verda standardo malpermesas al ni fari ion, kio povus ofendi tiun aŭ alian genton aŭ religian grupon; sed ĉio, kio, neniun ofendante, povas krei pacan *ponton* inter la popoloj, tio ne sole ne devas esti timeme evitata en niaj kongresoj, sed kontraŭe, ĝi devas esti ĝuste la *esenco* de niaj kongresoj, ĉar ĝi apartenas al la verda standardo.

Se ni memoros pri la postuloj de la verda standardo, tiam ni ne timos plu paroli kaj agi, tiam ni irados al nia celo konscie kaj kuraĝe kaj niaj kongresoj fariĝos kun ĉiu jaro pli interesaj kaj pli gravaj por la mondo. La verda stelo ĉesos esti malkuraĝa signo de silento, ĝi fariĝos signo de laboro.

detalles de dicha divisa, no ha llegado aún el tiempo; ellos se formularán por sí mismos, poco á poco, mediante nuestra anual reunión y convivencia. Quiero sólo haceros notar que nuestros Congresos, hechos bajo el signo del verde estandarte, son, no solamente Congresos de la *lengua* Esperanto, sino también de la interna idea del Esperantismo. Consecuentemente cada tema en el cual sentimos el espíritu de la bandera verde, todo lo que conduzca á la ruptura de las murallas entre las gentes, pertenece á nuestro Congreso.

Frecuentemente habéis oído hablar de la *neutralidad* de nuestros Congresos. Sí, la neutralidad es el principal fundamento de nuestros Congresos; pero se debe comprender con precisión el sentido de esta neutralidad. Neutralidad existe en *todos* los Congresos internacionales; pero mientras allí la neutralidad es un simple asunto de *regularidad*, entre nosotros es el principio principal, entre nosotros la neutralidad, ó con más exactitud la liga neutral de las relaciones entre las personas, es toda la miga, todo el fin de nuestros trabajos. Por eso nunca debemos hablar en nuestros Congresos de asuntos esencialmente políticos, que pertenecen á los diplomáticos, ó de asuntos especialmente religiosos, que pertenecen á los eclesiásticos y filósofos, porque la bandera verde nos prohibe hacer nada que pueda ofender á esa ú otra gente ó á grupo religioso; pero todo lo que sin ofender á nadie puede crear un *puente* pacífico entre los pueblos, eso no sólo debe ser tímidamente evitado en nuestros Congresos, sino por el contrario, debe ser justamente la *esencia* de nuestros Congresos, porque ello pertenece á la bandera verde.

Si recordamos las exigencias del verde estandarte, entonces no temeremos hablar y obrar, entonces iremos á nuestro propósito conscientes y con valor, y nuestros Congresos se volverán cada año más interesantes y más importantes para el mundo. La verde estrella cesará de ser tímido signo de silencio, se convertirá en signo de labor.

Ĉio, kio kondukas al rompado de la muroj inter la gentoj, apartenenas al nia kongreso. Vastaj kaj grandaj estas la rilatoj inter la gentoj kaj nacioj, kaj vastaj kaj multenombraj estas la temoj, kiujn ni devos pridiskutadi. Tiel ekzemple, havante, nenian intencon enmiksi sin en ian specialan sistemon pri tiu aŭ alia temo, oni povas proponi al niaj kongresoj internaciajn sistemojn por la oportuneco kaj neŭtraleco de la rilatoj internaciaj, kiel ekzemple internacian monsistemon, horsistemon, kalendaron, k. t. p., kaj tiam ni povos esplori, ĉu la propono estas bona aŭ ne, sed ni ne devas diri, ke la discutado pri tiuj projektoj estas kontraŭa al nia programo. Oni eble ankaŭ proponos al ni la aranĝon de kelkaj festoj intergentaj, kiuj ekzistus paralele kun la specialaj festoj de ĉia gento kaj eklezio kaj servus por frate ligi inter si la popolojn; oni proponos ankaŭ aliajn similajn aferojn. Ne venis ankoraŭ la tempo, por paroli pri ĉio detale, tial, pardonu min, ke mi nur aludas per kelkaj vortetoj tion, pri kio mi volus multe, tre multe paroli kun vi; sed ĉiam pli kaj pli, komencante de aferoj bagatelaj kaj transirante al aferoj plej gravaj, komencante de aferoj pure materialaj kaj transirante al ĉiuĵ flankoj de la homa spirito kaj moralo, oni proponados al ni diversajn rimedojn, kiuj servas al la fratigado de la homoj kaj al la rompado de la muroj inter la gentoj—kaj ĉion tion ĉi ni povos prijuĝi, akcepti aŭ ne akcepti, sed ni neniam devos ĝin blinde forĵeti antaŭe. Car ĉio, kio servas al la fratigado de la gentoj kaj al la rompado de la malamikaj muroj inter la popoloj—se ĝi nur ne enmiksas sin en la internan vivon de la gentoj—apartenas al la verda standardo. (Aplaŭdo.)

Karaj amikoj!

Mi klarigis al vi, kio—laŭ mia opinio—devas esti la celado de niaj kongresoj. Dum ĉiu privata Esperantisto povas kontentiĝi per tio, ke li uzas la lingvon Es-

Todo lo que conduzca á romper los muros entre las gentes, pertenece á nuestro Congreso. Vastas y grandes son las relaciones entre las gentes y las naciones, y vastos y numerosos son los temas que nosotros debemos discutir. Así, por ejemplo, sin tener intención de mezclarse en especial método, respecto á uno ú otro tema, se puede proponer á nuestros Congresos internacionales sistemas para la oportunidad y neutralidad de las relaciones internacionales, como por ejemplo sistema de moneda internacional, sistema de hora, calendario, etc., y entonces podremos explorar si la proposición es buena ó no, pero nosotros no debemos decir que la discusión respecto á estos proyectos es contraria á nuestro programa. También acaso nos propongamos el arreglo de algunas fiestas generales que existen paralelamente con las especiales fiestas de cada raza é iglesia, y servirían para ligar entre sí los pueblos; se propondrán también otros asuntos similares. No ha llegado aún el tiempo de hablar de esto detalladamente; por eso perdonadme que solamente aluda por algunas palabras á eso, respecto á lo cual quisiera mucho, muy mucho hablar con vosotros; pero siempre más y más, principiando por asuntos sin importancia y pasando á asuntos más graves, comenzando por asuntos puramente materiales y pasando á todos los ramos del espíritu humano y mora l se nos propondrán diversos medios que sirven para la fraternidad de los hombres y para romper los muros entre las gentes—y todo esto nosotros lo podremos juzgar, aceptar ó no aceptar, pero no debemos nunca abandonarlo ciegamente de antemano. Porque todo lo que sirve para la fraternidad de las gentes y para romper los muros enemigos entre los pueblos—si ello no se mezcla en la vida interna de las gentes—pertenece al verde estandarte. (Aplausos.)

¡Queridos amigos!

Yo os he explicado lo que, según mi opinión, debe ser el objetivo de nuestros Congresos. Mientras cada esperantista particular puede contentarse con usar la

peranto, niaj kongresoj—laŭ mia opinio —devas labori ne sole por la lingvo, sed ankaŭ por la interna ideo de la esperantismo. Mi ripetas, ke tio ĉi estas mia privata opinio, kiun mi tute ne volas proponi al vi kiel ian oficialan programon por niaj kongresoj. Nia kongreso devas esti simple kongreso de Esperantistoj, kaj kondiĉe ke ĝia programo estu preparita laŭ la kongresa regularo, ĝi devas resti tute libera kaj konformiĝi ĉiufoje al la opinioj kaj deziroj de la plimulto de la kongresanoj. Sed ĉu vi aprobos mian opinion aŭ ne, ĉu vi volos labori laŭ la postuloj de la verda standardo aŭ ne — mi ne dubas, ke en la profundeco de viaj koroj vi ĉiuj *sentas* la verdan standardon, vi ĉiuj sentas, ke ĝi estas io pli, ol simpla signo de lingvo. Kaj ju pli ni partoprenados en niaj ĉiujaraj kongresoj, des pli ni interfratiĝos kaj des pli la principoj de la verda standardo penetros en nian animon. Multaj personoj aliĝas al la esperantismo pro simpla scivoleco, pro sporto, aŭ eble eĉ pro atendata profito; sed de la momento, kiam ili faras la unuan viziton en Esperantujo, ili malgraŭ sia propra volo ĉiam pli kaj pli entiriĝas kaj submetiĝas al la leĝoj de tiu lando. Iom post iom Esperantujo fariĝos edukejo de la estonta interfratigita homaro, kaj en tio ĉi konsistos la plej gravaj meritoj de niaj kongresoj.

Vivu Esperanto, sed antaŭ ĉio vivu la celo kaj la interna ideo de la esperantismo, vivu la frateco de la popoloj, vivu ĉio, kio rompas la murojn inter la gentoj, vivu, kresku kaj floru la verda standardo! (Aplaudado.)»

Post la tre interesa manifesto de la doktoro, S.ro Moch, la generala sekretario, legis multajn telegramojn kaj leterojn kaj prezentis la delegitojn, inter kiuj estis S.ro leŭtenando Cardinal delegito el la Belga registaro, kaj skolapio S.ro Ginart el Hispanujo.

Oni sendis telegramon de bondeziroj

lengua Esperanto, nuestros Congresos, según mi opinión, deben trabajar, no solamente para la lengua, sino también por la idea interna del Esperantismo. Yo repito que esta es mi opinión privada, que no quiero proponeros como un programa oficial para nuestros Congresos. Nuestro Congreso debe ser simplemente un Congreso de Esperantistas, y á condición de que su programa haya sido preparado según el reglamento del Congreso, debe permanecer completamente libre y conformarse cada vez á las opiniones y deseos de la mayoría de los Congresistas. Pero ya aprobéis ó no mi opinión; ya queráis ó no trabajar, según las exigencias de la verde estrella, yo no dudo que en lo profundo de vuestros corazones todos *sentís* el verde estandarte, todos sentís que es algo más que un simple signo de idioma. Y cuanto más tomemos parte en nuestros Congresos anuales, tanto más fraternizaremos y tanto más los principios del verde estandarte penetrarán en nuestra alma. Muchas personas se adhieren al Esperantismo por simple curiosidad, por sport, ó quizás hasta por esperanza de provecho; pero desde el momento en que hacen la primera visita á Esperantujo, á pesar de su propio deseo, siempre más y más son atraídas y sometidas á las leyes de ese país. Poco á poco Esperantujo se hará lugar de educación de la futura hermandad humana, y en esto consistirán los más importantes méritos de nuestros Congresos.

¡Viva el Esperanto, pero ante todo viva el propósito y la idea interna del Esperantismo, viva la fraternidad de los pueblos, viva todo lo que rompe los muros entre las gentes, viva, crezca y florezca la verde bandera! (Aplausos prolongados.)»

Después del muy interesante manifiesto del Dr. Zamenhof, el Sr. Moch, secretario general, leyó muchos telegramas y cartas y presentó á los delegados, entre los cuales se hallaban el teniente Sr. Cardinal, delegado del gobierno belga, y el Sr. Guinart, escolapio, por España.

Se envió un telegrama de adhesión á

al Lia Reĝa Moŝto Eduardo VII, kiu estis ĝentile respondita laŭ ordono el la angla Monarĥo.

S.ro Zamenhof de «Bull Hotel», sia loĝejo, adresis leteron al la gazetaro, en sia nomo kaj en nomo de la esperantistoj, dankante pro la akcepto, la urbon, la urbestron, S.inon urbestredzinon kaj la reprezentantojn de la Kembriĝa universitato, kaj ankaŭ la organizantojn de la kongreso, S.rojn Pollen Kuningham kaj Mudie.

La unua labora kunsido komenciĝis je la 10.a horo matene de la 13.a tago. Dum ĝi kaj la aliaj, oni aprobis la konstantan regularon de la kongresoj, kiu estis presita. S.ro Chavet legis raporton el la «Centra Oficejo» elmontrante la grandegan disvastiĝon de nia afero, en la tuta mondo, de la lasta kongreso, precipe en Ameriko. Kolonelo Pollen starigis la Esperantan Blazonflagon sur la estradon: sur ĝi estas enskribitaj la vortojn «Boulogne», «Geneve» «Kembridge» y ankaŭ ĝi enhavas sufice da spaco por enskribi la nomojn de venontaj kongresoj por kiuj oni decidis ĝian uzadon. S.ro Capé legis raporton sciigante ke en multaj landoj la Ruĝkruculoj lernas Esperanton. S.ro René Deshays parolis pri la rolo de Esperanto kiel propagandilo inter la specialistaj kaj diris ke li esperas ke baldaŭ okazos kongresoj internaciaj kie interkompreniĝos la ĉeestontoj per Esperanto. Profesoro Green diris ke en Unuigitaj Amerikaj Ŝtatoj nun estas 65 grupoj. Unu S.ro Bulgaro sciigas ke antaŭ du jaroj estis malpermesita en Bulgarujo lerni nian lingvon, kaj eĉ montri la verdan stelon, sed nun Lia Princa Moŝto Ferdinando, tion permesis. Danka telegramo estis sendita al Lia Moŝto Reĝo de Belgujo ĉar li estas la unua reĝo kiu nomis oficialan delegiton por esperantista kongreso. Triano S.ro Mudie anoncis ke estas 1399 gekongresanoj en Kembriĝo: li ricevis koregan voĉdankesprimon pro liaj grandegaj penadoj. Oni elektis Dresden'o (Germanujo) por la kvara kongreso kaj decidiĝis ke la kvina okazos en Bilbao aŭ San Sebastiano (Hispanujo) dankante al la Amerikanoj pro

S. M. Eduardo VII, que fué cortésmente contestado de orden del monarca inglés.

El Sr. Zamenhof, desde Bull Hotel, su alojamiento, dirigió una carta á la prensa en su nombre y el de los esperantistas, agradeciendo el recibimiento á la ciudad, al alcalde, á la señora alcaldesa y á los representantes de la Universidad de Cambridge, y también á los organizadores del Congreso Sres. Pollen, Cunningham y Mudie.

La primera sesión de trabajos empezó á las diez de la mañana del día 13. En ella y en las siguientes se aprobó el reglamento constante de los Congresos, que había sido impreso. El Sr. Chavet leyó un informe de «Centra Oficejo», manifestando la gran difusión de nuestro asunto en todo el mundo desde el último Congreso, especialmente en América. El coronel Pollen colocó la bandera sobre el estrado; en ella están inscritas las palabras «Boulogne», «Geneva», «Cambridge», y también tiene suficiente espacio para inscribir los nombres de Congresos venideros, para los cuales se decidió su uso. El Sr. Capé leyó un informe haciendo saber que en muchos países los de la Cruz Roja aprenden el Esperanto. El señor René Deshay's habló del papel del Esperanto como instrumento de propaganda entre los especialistas, y dijo que él espera que pronto habrá Congresos internacionales, en los que se entenderán los que estén por medio del Esperanto. El profesor Green dijo que en los Estados Unidos de América hay ahora 65 grupos. Un señor búlgaro manifestó que hace dos años estaba prohibido en Bulgaria estudiar nuestra lengua y hasta ostentar la verde estrella, pero que ahora S. A. Fernando lo permite. Fué enviado un telegrama á S. M. el Rey de Bélgica, porque ha sido el primer Rey que ha nombrado un delegado oficial para un Congreso Esperantista. El miembro del Terceto, Sr. Mudie, anunció que había 1.399 congresanos en Cambridge; recibió cariñosísimo voto de gracias por sus grandísimos esfuerzos. Se eligió á Dresden (Alemania) para el cuarto Congreso,

ilia propono ilin fari en sia lando. Pri la festa tago esperantista estis proponita kaj akceptita ke la ĉiumonataj esperantistaj gazetoj tion decidu. La propono ke ĉiu esperantisto portu sur vesto ian nacian devizon, ne estas aprobita.

y se decidió que el quinto se verifique en San Sebastián ó Bilbao (España), agradeciendo á los americanos su proposición de hacerlos en su país. Respecto á la fiesta del Esperanto, fué propuesto y aceptado que los periódicos esperantistas mensuales lo decidan. La proposición de que cada esperantista lleve sobre sí alguna divisa nacional, no fué aprobada.

Kolonelo Pollen anoncis inter grandaj aplaŭdoj ke la fama brita generalo Lordo Roberts, akceptis plezure la honoran prezidantecon de la Brita Esperantista Societo. S.ro Boirac, prezidanto de «Lingva Komitato» legis longan raporton pri ĝiaj laboroj kaj diras ke estas decidite presi kiel eble plej baldaŭ, oficialan liston de la radikaj vortoj, teknikajn vortarojn, k. t. p. Per proponoj de S.ro Beaufront oni montris dankecon al Kembridĝo kaj al ĝia urbestro pro ilia komplezema invito kaj al S.ro Hoveler pro la presado kaj la disvastigado de la Ĉefeĉaj ŝlosiloj. Estis proponita kaj aprobita la starigon de Internaciaj societoj por virin-protektado. Fine, prezidanto S.ro Pollen dankis S.ron Mudie pro laboregemajn penadojn pro la kongreso kaj al tiuj kiuĵ helpis la aferon.

El coronel Pollen anunció entre grandes aplausos, que el famoso general inglés Lord Roberts, había aceptado gustoso la presidencia honoraria de la Sociedad Esperantista Británica. El Sr. Boirac, presidente del «Comité de la Lengua», leyó un largo informe respecto á los trabajos de éste, y dijo que estaba decidido imprimir lo más pronto posible una lista oficial de las palabras radicales, diccionarios técnicos, etc. A propuesta del señor Beaufront, se mostró agradecimiento á Cambridge y á su alcalde por su cumplida invitación, y al Sr. Hoveler por la impresión y reparto de las claves de Ĉefeĉ. Fué propuesto y aprobado el establecimiento de Sociedades Internacionales para la protección de la mujer. Finalmente, el presidente, Sr. Pollen, dió gracias al Sr. Mudie por sus voluntarios esfuerzos de trabajo á causa del Congreso y á todos los que ayudaron al asunto.

Deksep blinduloj ĉeestis en la kongreso: 5 el Francujo, 2 el Svislando, 2 el Danujo, 3 el Unuigitaj Ŝtatoj, 1 el Germanujo, 1 el Holando kaj 3 el Anglujo.

Teatraj ludoj estis belegaj festoj. Dum la unua, junaj blinduloj sinjoroj Deming kaj Gibson ludis dueto fortepiane kaj violone, Fraŭlino Chapman kantis «Se ci estus blinda», Fraŭlino Zabilon d' Her la bonkora propagandistino de Esperanto inter la blinduloj, deklamis, laŭ ilia peto, poezieton. S.ino Mudie patrino de la simpatia triano, kantis «Eriking» kaj «La Vojo». Sinjorino Rosa Yunck deklamis parto da paroladon de D.ro Zamenhof en la unua kongreso kaj «La Vojo», kaj S.ro René de Sanssure «Eneido».

Diez y seis ciegos asistieron al Congreso: 5 de Francia, 2 de Suiza, 2 de Dinamarca, 3 de los Estados Unidos, 1 de Alemania y 3 de Inglaterra.

Las funciones de teatro fueron hermosísimas fiestas. Durante la primera, los jóvenes ciegos Sres. Deming y Gibson tocaron un dúo de piano y violín; la Srta. Chapman cantó «Si tú fueras ciego»; la Srta. Zabulon d'Her, la caritativa propagandista del Esperanto entre los ciegos, declamó á petición de ellos una pequeña poesía; la Sra. Mudie, madre del simpático miembro del Terceto, cantó «Eriking» y «La Voĵo»; la Sra. Rosa Yunck declamó parte del discurso del Dr. Zamenhof en el primer Congreso y «La Vojo», y el Sr. Reué de Saussure «Eneido».

Dum la dua teatra ludo, sinjorino Baronino de Menil faris tre interesan paro-

Durante la segunda representación teatral, la señora baronesa de Menil dió

ladon kun lumprojekcioj pri la morala edukado de la popola infano. S.ro Cart deklamis fableton. Sinjorino Givi kantis unu el siaj belaj kantoj. Ankaŭ kantis S.roj Derveaux kaj Tuftield, kaj deklamis S.ro Doré.

Estis okazintaĵo la ludo de komedio «Bardell kontraŭ Pickwick» interpretita de gesinjoroj de naŭ malsamaj nacioj. Sinjoríno Yunck (Itala) S.roj Pollen (Irlanda), Kunningham (Skota), Mudie (Angla), Doré (Franca), Privat (Svisa) Beauchemin (Kanada), Kuhul (Bohema) kaj Piñó (Hispana).

Ĉiuj la nomitaj partoprenintoj en la du teatraj ludoj plenumis bonege siajn rolojn kaj estis tre aplaŭditaj.

Al la Militista Turniro de Midsummer, multaj geesperantistoj iris malgraŭ ke la vetero ne estis tre ŝatinda, por vidi la mirindan ĉevalrajdarton de britaj militistoj.

La vizitoj al la kolegioj, la ekspedoj al la ĉirkaŭaĵoj kaj ĉiuj festoj okazintaj estis notindaj.

La teo en «King's Kollege» (Reĝa Kolegio) amindonaco de la urbestraro, estis ne forgesebla festo kaj ne malpli la balo, fiiniĝo de la feliĉaĵoj de la semajno, kiu kunvenigis en «Grandvendejo» pli ol 3.000 personoj kaj kie oni dancis, inter aliaj, la novan dancon «Internacia Esperanto».

Dum la ĉeestado de la kongresistoj en Kembriĝo okazis ankaŭ kunvenoj por pli malpli sesdek aferoj.

Ni ne scias ĉiuj la decidojn de ĉiuj tiuj ĉi kunsidoj. Ni publikigos la ĉefajn, tuj ni ilin scios.

✶

una interesante conferencia con proyecciones luminosas referentes á la educación moral del niño del pueblo. El señor Cart declamó una fabulita. La Sra. Guivi cantó una de sus bellas canciones. También cantaron los Sres. Derveaux y Tuffield, y declamó el Sr. Doré.

Fué un acontecimiento la representación de la comedia «Bardell contra Pickwick», interpretada por señoras y señores de nueve distintas naciones: la señora Yunck (italiana), S.roj Pollen (irlandés), Cunningham (escocés), Mudie (inglés), Doré (francés), Privat (suizo), Beauchemin (canadense), Kuhul (bohemio) y Piñó (español).

Todos los nombrados, partícipes en las dos representaciones teatrales, cumplieron magníficamente sus cometidos y fueron muy aplaudidos.

Al Picadero Militar de Midsummer fueron muchos esperantistas de ambos sexos, á pesar de que la tarde no era muy agradable, para ver el admirable arte de montar de los militares ingleses.

Las visitas á los Colegios, las expediciones á los alrededores, y todas las fiestas que se hicieron fueron notables.

El té en «King's Hollege» (Colegio Real), obsequio del Ayuntamiento, fué una fiesta inolvidable y no menos el baile, término de las felicidades de la semana, que reunió en «El gran Mercado» más de 3.000 personas y donde se bailó, entre otros, el nuevo baile «Esperanto Internacional».

Durante la permanencia de los congresistas en Cambridge, se verificaron tambión reuniones para unos sesenta asuntos.

No sabemos todas las decisiones de todos estos consejos. Publicaremos las principales en cuanto las sepamos.

✶

Tipografía Moderna, á cargo de Miguel Gimeno, Avellanas, 11—Valencia.